# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 46 (5) SEPTEMBRO - OKTOBRO/85

E S T R A R O  D E  A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vicprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

A D R E S O  D E  A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918  GIJON - 6

- - - - - - - - -

E N H A V O




Depósito legal n-ro O/319/85

## PRINTEMPA AŬTUNO

Dum la aŭtuno, t.e. ĉe la sojlo de la vintro, oni kutimas malfermi Esperanto-Kursojn ĉu por iniciati personojn en la kono de nia Lingvo, ĉu por ke tiuj jam iniciatitaj progresu en la regado de Esperanto kaj tial iam ili ĝin majstru.

Do, dum la aŭtuno Ni revas pri la venonta Printempo de la Esperanto-Kursoj, kiam espereble disfloros la semoj kiujn oni kulturis dum tiu menciita aŭtuno kaj tial ekburĝonos pli kaj pli da gesamideanoj kiuj grave pliriĉigos nian Movadon kaj ĝin plifortigos precize jam preskaŭ ĉe la sojlo de la plurfoje priparolita JUBILEO kiam la tutmonda esperantistaro nepre devas esti kiel eble plej multenombra, forta kaj vigla kaj demonstri antaŭ la "ekstera" Mondo ke Esperanto konsistigas seriozan Movadon kies "interna ideo" grave kontribuas al interamikiĝo de ĉiuj mondaj popoloj kaj eĉ al ties interfratiĝo tiele efektivigante unu el la plej karaj revoj de la Homaro.

Nur rekte kuraĝe kaj ne flankiĝante,
Ni iru la vojon celitan!

La nepoj nin benos se ni pacience eltenos!

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Hodiaŭ Ni refoje estas devigataj pardonpeti pro tio ke jen denove Ni pekas per malfruo en la aperado de Nia modesta bulteno. Antaŭdankon!

ADONIS.-

# NIA ANTENO

En la nuna jaro Nin vizitis diversaj gesamideanoj, kiuj honoris kaj plezurigis Nin per siaj vizitoj. Jen ĉi sube Ni mencias iujn el tiuj menciitaj vizitoj, nome:

En la Julia monato vizitis nian urbon geedzoj Rafaela Urueña kaj Luis Hernández, respektive eks-Prezidantino kaj eks-Sekretario de Hispana Esperanto-Federacio, kiuj dum iom longa periodo traflerte gvidis ĝin. Per sia kutima kaj bonhumora afableco ambaŭ gesamideanoj plurfoje konversaciis kun Ni estigante ĉirkaŭ Ni agrablan esperantistan etoson.

Poste estis samideano Ramón Manau, el la kataluna urbeto Sabadell, kiu kune kun sia edzino kelkajn tagojn, bedaŭrinde malmultaj !, restis en nia urbo. Ankaŭ kun ĉi tiuj katalunaj gesamideanoj Ni havis okazon konversacii pri ĝenerale interesaj temoj.

El tiu supre citita urbeto Sabadell, ankaŭ Nin vizitis Nia kara samideano kaj amiko S-ro. Luis Serrano, cetere ofta kaj akurata kunlaboranto en Nia "HELECO", kiun li larĝe pliriĉigas per siaj artikoloj. Li vizitis Nin akompanata de du el siaj gefiloj, nome: Luis kaj Josep, kiuj profitis sian viziton por sin mergi en la akvoj de la Kantabra Maro. Pri tiu ĉi vizito vi povas legi pli larĝe en aparta artikolo precize verkita far Nia vizitanto mem.

Kaj laste Ni menciu Nian japanan samideanon S-ro. Tarô Nisiumi, Universitata Profesoro en Tokio, kiu kune kun sia edzino traveturis la nordon de nia lando kaj profitis - la okazon por viziti ankaŭ nian urbon, kie ili restis dum kelkaj tagoj. Temas pri tre afablaj, simpatiaj, bonhumoraj kaj gajaj gesamideanoj; kvalitojn,kiujn Ni mem plurfoje konstatis dum niaj amikaj interbabiladoj.

Ni esprimas niajn elkorajn kaj amiksamideanajn salutojn al ĉiuj tiuj vizitantoj - kaj esperas ke tiaj vizitoj ripetiĝu, ĉu per la samaj gesamideanoj ĉu per (des pli agrable!) aliaj pli multaj gesamideanoj.

Unuflanke Nia urbo enhavas sufiĉe da interesaj vidindaĵoj, kiujn ja valoras viziti; kaj aliflanke tiaj vizitoj plivigligas la intereson de niaj membroj pri plua kaj ĝisfunda lernado kaj praktikado de nia Internacia Lingvo.



Ni profitas la okazon por memorigi vin pri tio ke en la venonta Jaro 1.987-a, kiu ja estas pli proksima ol oni opinias, okazos la 100-jara JUBILEA KONGRESO de la Internacia Lingvo ESPERANTO. Do, bonvolu, jam ekŝpari cele al la vojaĝo en Varsovion, ĉar neniu samideano devas preterlasi tian gravan eventon kaj nepre devas fari ĉiajn siajn eblojn, por ĉeesti tian Jubilean rendevuon.

# La verda komisarejo

## OFICIALA KOMUNIKO

La membroj de la lingvopolica taĉmento "ŽAMENHOF" arestis lastatempe en la distrikto de "HELECO", n-ro 44 (3), la lingvodeliktulojn kies cirkonstancaron ni publikigas ĉi sube:

La t.n. TIES, kiu uzurpas la metion de S-ro SIAJN en la linio 11ª de la dua kolumno, paĝo 1.

La t.n. FINIĜANTA, kiu uzurpas la rolon de sia parenco FINIĜINTA en la linio 4ª de la paĝo 2.

La t.n. KIEL, kiu ne kapablis klarigi sian mision en la linio 24ª de la sama paĝo.

La t.n. EL, kiu uzurpas la profesion de S-ro DE en la 3ª linio sub "ANONCETO", en la maldekstra kolumno de la paĝo 5.

La t.n. KONFORMA kaj RENOVIGO, kiuj tute neleĝe paradas per la finaĵo "n" en la samaj kolumno kaj paĝo, linioj 18ª kaj 19ª.

La t.n. KREITA, kiu agas same en la 22ª linio de la paĝo 8.



Siavice, la lingvopolicanoj de la taĉmento "VERDA STELO" arestis la lingvoteroristojn, kies cirkonstancaro aperas ĉi sube:

DISTRIKTO DE "BOLETIN", n-ro 267

La t.n. A, kiu anstataŭas tute kontraŭleĝe S-ron AL en la 2ª linio apud la foto de la kovrilpaĝo.

La t.n. PAGOJ, kiu, rekulpiĝante, uzurpas la metion de S-ro PAGOJN en la linioj 13ª kaj 23ª de la dekstra kolumno de la paĝo 2.

La t.n. DEDIĈITA, kiu tute nenecese deĵoras en la 4ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 3.

La t.n. MALVOLVIĜIS, kiu uzurpas la oficon de S-ro OKAZIS en la samaj kolumno kaj paĝo, linio 9ª, samkiel en la 4ª kaj 14ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 5.

La t.n. NEŬTRALO, kiu uzurpas la rolon de S-ro NEŬTRALULO en la 23ª linio de la paĝo 4.

La t.n. LONGA kaj TEDA, kiuj deĵoras en la sama paĝo, linio 32ª, sen la deviga finaĵo "j".

La t.n. MALVOLVIGON, kiu uzurpas la profesion de S-ro DISVOLVIĜO en la 8ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 6. Cetere, oni konstatis la foreston de S-ro PRI en tiu sama linio, inter gesinjoroj MEMORIGIS kaj LA.

La t.n. PLIA kaj OLOTANO, kiuj aŭdacas deĵori sen la deviga finaĵo "n" en la 23ª kaj 24ª linioj de la samaj kolumno kaj paĝo. Alian foreston oni konstatis ĉi tie: inter S-roj SIN kaj UNU mankas S-ro KIEL.

La t.n. ĜI, kiu uzurpas la oficon de S-ro TIUJ en la 30ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. MALVOLVIĜO, kiu uzurpas la rolon de S-ro DISVOLVIĜO en la 17ª linio de la dekstra kolumno de la sama paĝo kaj en la 15ª kaj 16ª linioj de la paĝo 7,



kaj en la 14ª linio de la dekstra kolumno de la paĝo 14.

La t.n. EKZEMPLEROJ kaj TAJPITAJ, kiuj aŭdacas aperi sen la deviga finaĵo "n" en la 28ª linio de la paĝo 8.

La t.n. DE, kiu uzurpas la postenon de S-ro DA en la 1ª linio de la dekstra kolumno de la paĝo 10.

La t.n. MANĜAĴO, kiu aŭdacas paradi per la finaĵo "n" en la 17ª kaj 18ª linioj de la dekstra kolumno de la paĝo 11.

La t.n. REFLEKSAS, kiu uzurpas la metion de S-ro REFLEKTAS en la 4ª linio de la *maldekstra kolumno de la paĝo 15.*

Ĉiuj tiuj deliktuloj estis kondukitaj al la PIV (Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj) kaj, post unutaga restado tie kaj ricevo de po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliaj vertoj, ili estis liberigitaj.

Esperburgo, la 20-an de Septembro 1.985

LA ĈEFKOMISARO,

Al. Zibjades.



# FILATELO

ĈU VI VOLAS INTERŜANĜI ESPERANTAJN FILATELAĴOJN ?

MI PROPONAS ESPERANTAJN KOVERTOJN DE HISPANAJ ESPERANTAJ KONGRESOJ, KONTRAŬ ESPERANTAJ KOVERTOJ AŬ POŜTMARKOJ.

BONVOLU SKRIBI AL: SANTIAGO MULAS GALLEGO
ALFONSO I, 13 - 1º **izquierda**
GIJON - 5 (ASTURIAS) **ESPAÑA**



# ANONCETO

45-JARA INĜENIERO DEZIRAS INTERŜANĜI PK. KAJ PM. TEMOJ: PENTRAĴOJ, KATOJ, HUNDOJ, AŬTOJ, AVIADILOJ, ŜIPOJ, KASTELOJ.

LINGVOJ: RUSA, ANGLA, GERMANA, ESPERANTO.

RESPONDO GARANTIATA. VALIDAS ĈIAM !

ADRESO: ALEKSANDR VAJSBERG
MURMANSK. OBL.
184280 MONĈEGORSK
ABONKESTO 53, USSR

# INTERNACIA HISPAN-LINGVA TRADUK-KONKURSO

Lige kun la Jubilea Jaro, Madrida Esperanto-Liceo organizas internacian konkurson pri tradukado en Esperanton de nefragmenta proza literaturaĵo el la originala hispanlingva literaturo.

Partopreno: a) ĉiu konkursanto rajtas partopreni per maksimume unu verko, antaŭe ne publikigita pres-forme.

b) la konkursaĵo devas esti sendita en 3 ekzempleroj al la jena adreso:
MADRIDA ESPERANTO-LICEO (MEL)
Internacia Traduk-konkurso
C/ Atocha, 98-4º
E-28012 MADRID, HISPANIO.

Anonimeco : ĉiu konkursaĵo devas esti subskribita per pseŭdonimo. La sama pseŭdonimo estu ripetita sur aldonita koverto, ene de kiu troviĝu la plena nomo de la tradukinto kaj lia plena adreso.

Temo: la konkursantoj rajtas libere elekti la tradukotajn aŭtorojn kaj verkon.

Longo: la longo de la partoprenantaj konkursaĵoj devas esti inter 25 kaj 50 paĝoj, formato DIN A-4, tajpitaj kun duobla interspaco.

Lim-dato: la konkursaĵoj devas alveni al MEL ĝis la 30-a de Junio 1.986.

Juĝantaro: la alvenintaj konkursaĵoj estos prijuĝitaj de 3 personjuĝantaro. La membroj de la juĝantaro ne rajtas partopreni en la konkurso.

Premioj: estos asignitaj 3 premioj. Ĉiu premiita konkursanto ricevos diplomon kaj pokalon dum la jubilea UK en Varsovio en 1.987. La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj en la Esperanto-gazetaro.

Publikigo: Madrida Esperanto-Liceo rezervas al si la rajton publikigi la premiita(j)n verko(j)n.



# LA REVENO



Kiam la vivo, iom post iom, forpasas,restas en nia memoro la bildo de multaj travivaĵoj,kiujn ofte oni rememoras, kiel amatan parton de nia vivo. Ofte la nostalgio kaj la reveno al tiuj lokoj konataj, kie oni travivis iujn jarojn,estas agrablaj eventoj en la vivo de ĉiu homo.Revidi malnovajn amikojn, koni aliajn homojn kaj konstati la evoluiĝon de lokoj, kie disvolviĝis nia vivo, tio estas la historio de ĉiu homo. Almenaŭ tiel mi pensas.

Kiam en ĉi tiu somero mi metis la piedojn en la stacidomo de Ĥiñono, al mia menso alfluis - multaj rememoroj. La laboro, la malfacilaĵoj - tiutempaj por vivi en pensiono kun malalta salajro; la neceso koni novan urbon, novajn laborkamaradojn, ĉio revenis subite en mian menson. Ĉio estas parto de mia vivo, kaj malgraŭ, ke tio okazis antaŭ 28 jaroj, ŝajnas kvazaŭ estus hieraŭ, kiam mi alvenis en tiun kantabran kaj belan urbon. Sed mi estis kontenta, ĉar la reveno post tiom longa tempoperiodo fariĝis al mi tre kara. Ŝajnis kvazaŭ mi subite rejuniĝus. Nu, kio okazis dum tiuj 28 jaroj en Ĥiñono ? En mia opinio la urbo tre moderniĝis, tre grandiĝis. Mi ne scias, ĉu tio estas bona aŭ malbona, sed mi konstatis, ke nuntempe en Ĥiñono estas multaj kaj altaj konstruaĵoj. Almenaŭ la aspekto de la urbo estas pli eleganta kaj ŝajnis kvazaŭ mi troviĝus en malgranda Barcelona, esprimo, kiu multe plaĉis al iuj ĥiñonanoj. Oni perceptas tra ĝiaj stratoj, la laboran aktivecon de la loĝantaro, kvankam la nuna malsano, la senlaboreco, ankaŭ atakis ĝin. Mi trapasis multajn stratojn kaj placojn, kiujn mi ne plu konis. La moderna transformiĝo de la konstruaĵoj pensigis min, ĉu mi troviĝis en tiu aŭ alia loko. Tame io restis netuŝita, kiel antaŭ 26 aŭ 28 jaroj; tio estas la strando, la bela strando de San Lorenco aŭ dela Muro. Kun la nuntempa speciala mencio al tiuj flagoj, inter kiuj troviĝas la Esperanta. Ĝi, la strando, ja estas la juvelo de via urbo. Eble nuntempe estas pli plena de homoj ol en tiu alia epoko. Io ankaŭ ne sanĝiĝis, la emo de la ĥiñonanoj vespermanĝeti en tiuj trinkejoj en plena familia etoso, sur tabloj abunde ŝarĝitaj de manĝaĵoj entuziasme preparitaj de la mastrino en la hejmo. Se al tio oni aldonas bonan veteron, kiun bonŝance mi ĝuis dum mia kvartaga restado, la bildo de la urbo, de la strando kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, apud la rivero Piles, fariĝas majesta, vidinda, neforgesebla.



Evidente en tiu aspekto Ĥiñono tre progresis, kaj miaj memoroj de antaŭ pli ol kvarono de jarcento bone riĉiĝis kun la vivo kaj aktualeco de la urbo.

Kompreneble, alia kialo venigis min al Ĥiñono, nome ĝi estas Esperanto. Forpasis -



tridek jaroj de kiam mi skribis al nia neforgesebla samideano Alfredo Villa y Villa, petante al li rendevuon, ĉar tiutempe mi komenciĝanta esperantista varmeco, ne permesis al mi vivi izolate en Avilés. Do, mia reveno al Ĥiĥono havis alian celon, sendube la plej gravan; ĝi estis kontakti la tiean nunan Esperanto-movadon kaj miajn malnovajn esperantistajn geamikojn. Ĉi tiu deziro nur parte plenumiĝis, ĉar mi ne vidis la amikon Ordieres, bedaŭrinde. Sed mi havis la grandan plezuron revidi mian karan "majstron" s-ron Alberto Menéndez Fernández. Momente mia amiko ne rekonis min , sed kiam li fine rekonsciiĝis, kiu estas tiu, kiu troviĝas antaŭ li, lia kontenteco estis videbla, kaj ankaŭ tiu mia. Sed mi devas tuj aldoni, nome, ke S-ro Alberto estas 92-jara, sendube la dekano de ĉiuj hispanaj esperantistoj, ĉu?

Mi trovis S-ron Alberton ĝuantan junan entuziasmon kaj fortan fizikan staton. Akompane de mia gastiganto, la amiko Castaño, ni triope promenis sur la kajo de la fiŝista haveno, parolante en kaj pri Esperanto, krom pri aliaj temoj. Ofte ripetadis S-ro Alberto: "Ho !, mia kara amiko Serrano, kiom ni amuziĝis tiam", kaj tio ja estas vero, ĉar kun la amiko Ordieres en multaj okazoj dum la poresperantaj laboroj, ni amuziĝis kaj ridigis unu la aliajn. Mi deziras atesti la entuziasmon de S-ro Alberto por Esperanto, ĉar laŭ li diris al mi, li legas ĉiutage dum unu horo en Esperanto laŭte !! por kontroli sian prononcadon. Tio en homo, kiu estas 92-jara, estas io imitinda.
Ankaŭ vidi persone amikon Adonis estis alia el miaj celoj. Post lia grava trafikakcidento, mi estis tre interesata en kontakti lin. Amiko Adonis diras, ke li ne plu estas tiu antaŭa, pri kio eble li pravas, sed jam volus multaj esperantistoj havi la laborkapablon kaj entuziasmon de nia nuna Adonis. Lia labordeziro estas la plej bona kuracilo, kiu fakte metos lin en la plej altan kaj kontentigan resaniĝon.

Je la unua fojo mi vidis S-ron Sakramento-n, kiu de tempo al tempo sendas al mi gratulojn pro miaj modestaj kunlaboraĵoj en "ĤELECO", kio donas al mi kuraĝon por daŭre verki. Ne venis en la merkredan kunvenon ĉiuj lokaj esperantistoj, kiuj apartenis al la grupo en la jaro 1.959-a, tamen mi konis aliajn:

S-ron Argüelles, S-inon Pilar, argentinan samideanon, kaj aliajn, kies nomojn mi ne memoras. Sendube somero ne estas bona sezono por viziti amikojn, ĉar ĉiuj flugas for de la nesto por iomete ripozi.




Mi deziras danki la gastamecon de familio Castaño, ĉar mi kaj miaj du filoj, ŝarĝis per eksterordinara kroma laboro lian edzinon, S-inon María Angeles.

Karaj geamikoj, mi ne scias, kiam mi revenos al Ĥiĥono, sek fakte tio estos antaŭ 26 jaroj. Dankon, dankon, amikoj kaj samideanoj.

Sabadell 15-09-1985

LUIS SERRANO PEREZ

# Niaj Geamikoj el....

## .... Svedio

EK AL KANTADO

Ek al kantado
dum la estado
en nia rondo je la kunven' !
Gaje vi kantu,
ĝojon displantu
al kamaradoj en nia ĉen' !
Plendu neniam, eĉ se vi mem
sonas kornike aŭ kiel ĝem' !
Ne, kantu gaje
kiel ja maje
kantas la turd' en val' !

N I A   K A N T O

Ni venas al esperantkunven', falera,
ni venas el urbo kaj bien', falera,
/: ni venas por paroli
kaj por legi kaj kontroli
nian scion en la lingva fenomen', falera. :/

La Guto, ĝi estas nia rond', falera,
plej bona kaj plej gaja en la mond', falera.
/: Volonte ni lernas
ĉion, kio koncernas
al la lingvo plej facila en la mond', falera. :/

Eksonu sonore nia kant', falera,
fariĝu ĝi studado-variant', falera,
/: ĉar kantas ni taktike
ni lernas fort-efike,
kaj ĝojigos nin la lingvo Esperant', falera. :/

Laboru ni kune por la cel', falera,
kaj lumu la verda nia stel', falera,
/: ke homoj amikiĝu,
popoloj pacemiĝu
kaj fariĝu nia tero la ĉiel', falera. :/

Kontribuaĵo sendita de nia samideano Malte Markheden



# ....Italio

| Scuola rurale (en itala) | Lernejo kampara (en esperanto) |
|---|---|
| I | I |
| Tra l'effluvio sempiterno<br>dei verzieri di limon,<br>e della jonica marina<br>la turchina vision; | Inter l'eterna parfumego<br>de la ĝardenoj de citronarboj,<br>kaj de la Ionia marbordo<br>la lazura vidaĵo; |
| II | II |
| dove fulgida sussurra<br>fra mezzo al verde la brezza,<br>e nel miro incanto agreste<br>tutto splende di vaghezza, | kie brile susuras<br>meze de la verdaĵo la venteto,<br>kaj en la miriga raveco kampara,<br>ĉio brilegas ĉarmece, |
| III | III |
| o scuoletta cara e rustica,<br>solatia e leggiadra appari;<br>e nell'unica tua aula<br>all'umano ideal prepari. | ho lernejeto kara kaj kampara,<br>sunplena kaj gracieca vi aspektas;<br>kaj en l'unika via klaso<br>por la homara idealo vi preparas. |
| IV | IV |
| Non vibrante suon di squilla<br>chiama i vispi scolaretti<br>tra le tue pareti adorne,<br>ove fervon gli alti detti; | Ne vibranta sonorila sono<br>alvokas la viglajn lernantojn<br>inter viaj ornamitaj vandoj,<br>kie aŭdiĝas altaj vortoj; |
| V | V |
| é la voce della maestra,<br>che suadente e un po'patita<br>per campestre sentier lungo,<br>al consueto banco li invita. | estas instruistina voĉo<br>kiu persvademe kaj iom lace<br>pro kampara longa vojeto,<br>al la kutima benko invitas ilin. |
| VI | VI |
| Un mister soave s'adempie<br>nel segreto delle mura;<br>fuori, in un vago tripudio,<br>tutta ride la natura. | Rava mistero plenumiĝas<br>en la sekreto de la muroj;<br>ekstere, kun ensorĉa festego,<br>tute ridas la naturo. |

RIMARKOJ KLARIGAJ: La liriko "Scuola rurale" (Lernejo kampara) temas pri reala lernejeto kiu troviĝis en la ĉirkaŭaĵoj de Riposto, apud la lazura maro ( Ionia maro) kaj meze de parfumega ĝardeno de citronarboj,en la vasta miriga kamparo, en insulo Sicilio, inter la grandaj urboj Catania kaj Messina.

Mi, en 1.955, vizitis ĝin kiel instruisto-substituito, dum kelkaj tagoj, al la instruistino malsana. Kaj tuj poste, miriĝinta antaŭ tiom da natura beleco, mi verkis tiun-ĉi lirikon.

Liriko verkita kaj sendita de l'instruisto Carmelo Cimino,loĝanta en Roma

# La kantema birdeto

Estis foje birdeto, kiu kantis la tutan tagon.

La plej multo de la loĝantoj de la arbaro raviĝis de liaj triloj, tre belaj, kaj nur kelkaj bestoj grumblis pro tiom da muziko.

La pigo, la strigo kaj la pego estis la tri ĉefaj malkontentuloj, kaj, tial ke la kantema birdeto tute ne konsideris iliajn protestojn , ili sin prezentis iam ĉe lia arbo kaj minacis lin tre serioze.

Jen kial, de tiam, li ĉesis kanti.

La simpatiantoj de la muziko miris multe pro lia silento kaj iris al la birdo por demandi, kio okazas al li.

La kantisto klarigis la motivojn de sia mutiĝo, kaj la vizitantoj respondis:

Vi devas scii, ke, de kiam vi ĉesis trili, la vivo ĉi-arbaro malboniĝis. La karnovoraj bestoj, kia la leono, kies konduto mildiĝis kaŭ ze de la muziko, fariĝis nun pli sang-avidaj ol iam antaŭe.Ĉiuj bestoj koleremas kaj vundas sin reciproke.

Ĉi argumentoj sufiĉis por ke la birdeto kantu denove.

Sed tuj kiam li restis sola, la pigo, la strigo kaj la pego sin prezentis ĉe la arbo kaj plenumis siajn minacojn.Ili bekis lin kruele, eltiris liajn plumojn kaj forte batis lin sur la kapon.

Ĉi-foje, la kantisto de la arbaro ne timiĝis.Li sciis, ke de tiam li suferos pli da atakoj kiel la ĵus ricevita, sed li daŭre kantis por bono de la plej multo de la bestoj kaj, kompreneble, la vivo en la arbaro fariĝis denove gaja kaj trankvila.

El la kolekto "Abril" de
"Ediciones Susaeta"
tradukis:
Miĉjo Drako Bona

# KUIRANTE KUN PILAR

## FISAĴA SUPO

INGREDIENCOJ: 750 g. da blanka fiŝaĵo.
350 g. da terpomoj.
90 g. da cepo.
60 g. da butero.
1½ l. da bolanta akvo.
1 l. da lakto.
2 supkuleroj da faruno.
Suko el 1/4 da citrono (laŭvole).
Pinĉaĵo da spicaro.
Salo kaj pipro.

---

Senŝeligu la terpomojn. Tranĉu la preparitan fiŝaĵon kaj terpomojn en malgrandaj pecoj. Metu en kaserolon kune kun la bolanta akvo kaj kuiru dum 15'minutoj.

Aldonu la buteron, cepon, spicaron, citronsukon, salon, pipron kaj lakton, sed retenu iomete por la miksado de la faruno.

Kuiru kaj kuiretu je malalta varmo dum 1 horo.

Kirlu aŭ batu la supon ĝis ĉio estu glata. Ne necesas kribri.

Miksu la farunon kun la resto de la lakto, aldonu al la supo kaj kuiru, kirlante la tutan tempon, ĝis la supo densiĝu.

BONAN APETITON !

# DISTRAĴOJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | R | A | Z | I | L | O |
| O | O | I | R | A | T | N | O |
| L | I | S | T | R | O | U | G |
| A | T | E | R | T | G | I | A |
| K | O | N | A | M | E | L | L |
| J | E | L | S | O | N | O | L |
| A | A | H | I | T | O | L | A |
| B | L | A | S | E | R | O | S |

Tiu ĉi kvadrato plena de literoj enhavas ses nomojn de lagoj. Serĉu ilin.
Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## ĈU VI ŜATAS MATEMATIKON ?

Lokigu la numerojn 1 ĝis 9, sciante ke:

1 ) Tiu staranta en la centro laŭorde, estas la sumo de la unua plus lasta numeroj, minus 2, kaj la sumo de ĝiaj najbaroj estas trioblo ĝia. Tamen ilia diferenco (dekstre mal dekstren) egalas la valoron de la unua cifero.

2 ) La sumo de la dua kaj tria numeroj, estas same kiel tiu de la sepa plus oka, kaj samtempe egale al tiu de la sesa.

3 ) La diferenco inter la sesa kaj kvina numeroj estas 4.

## MOVOJ DE ĈEVALO



| | | | |
|---|---|---|---|
| ★ | ON | ON | NE |
| KI | TE | NE | TI |
| PER | NIS, | SER | DI |
| ĈU | O | FOR | DO |

Komencante per la silabo KI kaj laŭ la movo de la ĉevalo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 44ª NUMERO DE "HELECO"

KRADOENIGMO:
HORIZONTALE:
1) Oksimoro.Bastiono. 2) Okro. Batrako. Pano. 3) Odro.Barbiro. Ovri. 4) Ipsilono.Okupacio.

VERTIKALE:
A) Okso.Obei. B) Ogro. C) Obstetriko. Ĉ) Balanciero. D) Paco. E) Obio.Ideo.

SUPO DE LITEROJ:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | N | O | R | K | E | O | N |
| N | I | K | L | O | O | L | O |
| A | H | O | U | N | E | R | K |
| H | I | S | I | L | A | A | R |
| O | E | U | B | Z | I | K | A |
| J | O | Z | E | F | O | I | T |
| L | I | C | L | I | R | N | O |
| E | N | O | M | A | D | A | S |

PROMENO TRA LA PARKO:



PERGAMENO:
"Vivu, progresu, sed lerni ne ĉesu".

## KUBOMANIO



Jen estas kubo enhavante ses literojn, tri el ili estas videblaj; la ceterajn vi devas serĉi. Por la solvo, sciu ke la serĉotaj literoj povas aŭ ne esti egalaj al kiu ajn de la videblaj, sed nepre ili ĉeestas en iuj el la 5 vortoj kies difinoj ĉi sube oni listigas.

1) Fari taŭga por destinita uzado, malmoligante en forno per varmo.
2) Grekdevena vortkomenco, signifanta: vivo.
3) Plezurkunveno, en kiu viroj kaj virinoj dancas kune.
4) Loko en la haŭto, precipe ĉe piedoj aŭ manoj, malmoliĝinta pro la frotado.
5) Malsupra ĉeftrabego aŭ trabkunaĵo, kiu etendiĝas de la antaŭo ĝis la malantaŭo de la kareno kaj sur kiu sin apogas la tuta ligna aŭ ŝtala strukturo de ŝipo.

## KIOMA HORO ESTAS ?



Post grava trafikakcidento, kiu suferis iu sinjoro, lia manhorloĝo haltis kaj ĝia minutmontrilo malaperis. Tamen, ĝia hormontrilo restis kiel oni montras en la bildo. Ĉu vi kapablos rekonstrui la horon kiam okazis la menciita akcidento ?